# BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, nº 13, 3º nº 7 - Telf. (91) 446 80 79 – MADRID - 15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galvany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 – BARCELONA - 14.
**Comité de Redacción:** D. Llibert Puig, D. Giordano Moya, D. V. Hernández Llusera, D. Gabriel Mora y Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis de Yzaguirre, D. Rafael Herrero.


## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Str.Rodríguez San Pedro, 13-3º,7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 – 7°
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 – 8°
MADRID-20

H.E.F.–Ĉekkonto: N° 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
P° Marina Moreno, 35 – 4°
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.

NUESTRA PORTADA

"DON QUIJOTE DE LA MANCHA" en Esperanto.
Traducción de Fernando de Diego.
Edición de la FUNDACION ESPERANTO de H. E. F.
Pedidos: Secretaria de F. E.
F-ino Inés Gastón.
Pº Marina Moreno, 35 - ZARAGOZA.

NUEVAS CUOTAS DE H. E. F.:

Por acuerdo de la Junta General celebrada en Sabadell, con ocasión del XXXVII Congreso Español de Esperanto, las cuotas de nuestra Federación quedaron fijadas en la siguiente cuantía:

| | |
|---|---|
| Socio abonado .... | 500 pesetas |
| Socio protector ... | 800 pesetas |
| Socio vitalicio ..... | 10.000 pesetas |

# Postkongresa komentario

La 37a Kongreso finiĝis kaj la kongresanoj rapide forvojaĝis diversloken, espereble, la plej granda parto kontentaj pri sia ĉeesto al nia Kongreso; nur unu restis inter ni ankoraŭ (s-ano Otaola el Bilbao) ĉar li alvenis la unua kaj deziris esti la lasta adiaŭi nin. Lian afablecon ni dankas.
Nun estas la momento rememori la kongrestagojn kaj analizi ĉu nia laboro estis vere pozitiva. Mi tute ne parolas pri la laboro de la L.K.K. sed pri la rezulto de niaj kunvenoj kaj de niaj konkludoj.
La HEF-Fakoj kunvenis, kaj espereble, tre efike, sed laŭ mia privata opinio tute malsame ni devas konkludi pri nia Generala Kunveno, ĉar mankis aŭ vera deziro de interkompreniĝo aŭ ne sufiĉa partopreno de grupaj reprezentantoj. Kie estis la estraranoj el Alicante, Bilbao, Cheste, Kanaria Insularo, Madrido (ne HEF), Sevilo kaj Valladolid? Malfacile povis la ceteraj ĉeestantaj grupoj decidi pri ŝanĝo de HEF-Estraro.

- Kiu respondecos estontece transpreni la torĉon de nova Federacio, plene evoluanta laŭ la nuntempaj cirkonstancoj de nia lando?

- ĉu la rekono de regionaj aŭtonomecoj povas malebligi la laboron de tutlanda Federacio, aŭ male?

- ĉu vi scias, ke niaj francaj najbaroj organiziĝas surbaze de regionaj (aŭ departementaj) federacioj kaj centra organizaĵo, tio estas: Konfederacio?

Ni devas pripensi, kiu povas esti la plej adekvata solvo por nia lando kaj sendi niajn sugestojn al HEF, laŭeble plej rapide, ĉar antaŭ fino de la jaro, ĝi jam devus esti solvinta la estrarŝanĝon.
Ĉefe ĉiuj Grupoj devus kunveni kaj priparoli la aferon plej serioze, tamen ĉiuj membroj de HEF, devus opinii ankaŭ pri tio.
Ne forgesu, ke la Federacio estas ĉies organizaĵo, kaj ĝi estos, kion ni decidos, kaj ĝi funkcios pli aŭ malpli bone laŭ la kunlaboro, kiun ĝi ricevos de la membroj. Organizaĵo el silenta kaj senopinia membraro kunportas ĝermon de morto kaj pli aŭ malpli frue ĝi pereos.

Llibert Puig i Gandia

# 37-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN SABADELL

de 20-a ĝis 24-a de julio de 1977

La Kongreso, kiu ĉi-jare okazis sub la kadro de la centjara nomigo de Sabadell kiel distrikta urbo, komenciĝis merkrede per akceptado de la kongresanoj en la Kulturdomo de "Caja de Ahorros de Sabadell", kiu estis ankaŭ la sidejo de la Kongreso. Sekvis interkonatiĝa vespero en la salono de Hotelo Urpí. Aliĝis al la Kongreso pli ol kvarcent esperantistoj el diversaj regionoj de nia lando, kaj ankaŭ multaj eksterlandanoj.

La ĵaŭdon, fakte la unua tago de la kongreso, la programo disvolviĝis, unue, per praktika Esperanta Kurso gvidata de prof. Petro Nuez, kun ĉeesto de kvardek gelernantoj, precipe infanoj. Poste, komenciĝis la fakaj kunvenoj en kiuj partoprenis blinduloj, "Aŭroro"; junularo, "HEJS"; kaj instruistoj de Esperanto, "ILEI".

Oni inaŭguris la Esperantan Ekspozicion, konsistanta en du partoj: Unu el ĝi, pere de modernaj, artaj bild-desegnoj, montris la kialojn pri Esperanto kaj reflektas la fakton de la diverseco de lingvoj en la Mondo, proksimume 3.500 lingvoj, kaj la koston de la plurlingveco. Alia parto de la Ekspozicio estis organizita de s-ro E. Gil, kiu prezentis al ni multajn kolektojn de: Kongresaj poŝtkartoj pri la Universala Kongreso en Barcelono je la jaro 1.909; uzitaj poŝtmarkoj pri Universalaj Kongresoj, kaj aliaj temoj de nia esperanta movado.

En la Aŭditorio de la Ŝpara-Kaso de Sabadell, s-ro Llibert Puig, prezidanto de la Loka Organiza Komitato, post saluto al la aŭtoritatuloj, danke menciis la kunlaboraĵojn kaj de la "Obra Cultural de la Caja de Ahorros de Sabadell" kaj de "Radio Sabadell", kaj tuj transdonis la parolon al la Prezidanto de H.E.F., s-ro Figuerola, kiu rimarkigante la gravecon ĉeesti la kongresojn, gratulis la organizantojn de la pasintaj kongresoj, kaj la partoprenantojn en tiu ĉi-jara, post kio, li inaŭguris la 37-an Hispanan Kongreson de Esperanto.

Sekve, salutis la reprezentantoj de Esperantistaj Grupoj: Ludoviko de Yzaguirre, en la nomo de "HEJS"; de la blindula grupo "Aŭroro", Francisko García López, Esperanta Fako de Klubo Amikoj de UNESKO" en Barcelono, Salvador Aragay; "Stelo de Paco", Tomaso Alberich; Bilbao, Ludoviko Otaola; Burjasot, Restituto Albero; Calella de la Costa, Antonia Galbany; El Ferrol, Emanuelo Doval; "Grupo Jovellanos" el Gijón, Ĵakvo Mulas; Liceo Madrileño, Jozefo-Maria Villalba; Lingua Club Manresa", Gabrielo Mora; San Pau d'Ordal kaj Vilafranca, Ludoviko Hernandez Yzal; Esperanto Fako "S.C.J.T." Terrassa, Gabrielo Moya; Valencio, Felikso Navarro; "Fido kaj Espero" Valladolid, Antonio Gamboa; Esperanto Grupo de León, pastro Patriko de Fuentes; Infana departemento de "Centro de Esperanto Sabadell", Hektoro Vilademás; Hospitalet de Llobregat, Fernandez Jurado; "ILEI", Francisko Zaragoza, kaj F-ino Silvia Martínez, nome de la junularo de Sabadell, finiĝis la vico da reprezentantoj de nia lando.

S-ro Puig legis telegramon de nia honora prezidanto, D-ro Rafaelo Herrero, en kiu li bedaŭris sian nepartoprenon en la Kongreso.




S-ino Lili Koleva invitas nin al la 63-a Universala Kongreso de Esperanto de U. E. A. en Bulgario, okazonta venontan jaron 1978-an

Kiel eksterlandanoj salutis la Kongreson: Julio Piron, el Parizo, kiu diris salutante "ke naciaj lingvoj disigas la homojn, Esperanto unuigas kaj, Zamenhof estis la unua sennaciulo"; s-ino Lili Koleva el Sofio, nome de la Bulgaraj esperantistoj kaj ankaŭ de la tieaj fervojistoj, en Esperanto kaj ankaŭ kastililingve, invitis nin ĉeesti en 1978 la Universala Kongreso de U.E.A. tie okazonta; s-ro Antonio de Silva Almeida el Lisbono, nome de Portugala Esperanto-Asocio; s-ino Juliete Ternant el Francio, nome de S.A.T., gratulis la organizantojn de nia Kongreso; la aktorino Kalina Piénkiewcz el Pollando; el Kanado, s-ro Vivancos, de la "Toronta Esperantista Rondo", organizinto de la tiea S.A.T-Kongreso, diris, "mi naskiĝis en Barcelono, kaj pro la civilmilito, mi devis elmigri el Hispanio, ĉie mi suferis pro antaŭjuĝoj, sed ĉiam mi trovis la komprenemon de la esperantistoj; Esperanto estas ilo por unuigi la homojn"; de la franca esperantista organizaĵo, salutis s-ro Johano-Petro Boulet, prezidonto de la Loka Kongresa Komitato de la 70-a Franca Nacia Kongreso de Esperanto kiu okazos la venontan jaron en Clermont -Ferrand dum majo.

S-ro Figuerola, prezidanto de H.E.F., kastililingve prononcis paroladeton. Tiel ĝi estis: "Dignaj aŭtoritatuloj, estimataj kongresanoj, karaj amikoj: Sabadell estis elektata kiel 37-a kongresurba sidejo. Zamenhof donis al la kongresoj de Esperanto certan idealecon, la spiritan celon alproksimigi la homojn, la detruadon de tiuj jarmilaj lingvaj baroj. Esperanto estas realaĵo el sepcent projektoj de lingvo internacia, el kiuj nur ĝi sukcesis; nun ĝi estas uzata de dudek milionoj da homoj.

Ni devas profiti ĉiujn eblecojn, por agado, de la demokrata karaktero de Esperanto. Nun ni startas sur nova etapo de la hispana esperantismo. la pasinta komenciĝis en

1951 per la Kongreso en Terrassa, kaj kulminis en la Universala Kongreso en Madrido, je 1965. La nova epoko devas kulmini per la instruado de Esperanto en "La Ĝenerala baza instruo".
S-ro Puig menciis la urbon Sabadell kiel elstaran urbon de la esperantismo, kaj deziris ĝojan kaj feliĉan restadon al ĉiuj kongresanoj.
La Sabadell-a urbokonsilianto pri kulturo, s-ro Jozefo Villar, kiu estis en la prezida tablo, diris al la kongresanoj: "Sabadell, nun, estas silenta urbo pro la kolektiva ferio. Estas tre agrabla por ni, via ceesto, kaj ni deziras, en la nomo de la aŭtoritatuloj de Sabadell, bonan kaj feliĉan restadon. Ni helpos promocii Esperanton, ĉar ĉi tiu, kunportas, en si men, la amon. Ni esperas revidi vin".
La ĉeestantaro ekstaris kaj kantis la unuan strofon de "La Espero", en piana akompano, ludata de la junulo Johano Manau.
Sur la enireja ŝtuparo antaŭ la portalo de la preĝejo Sankta Felikso, okazis la ĝenerala fotografado de la kongresanoj fare de oficiala fotografisto kaj amatoraj samideanoj.



S-ro J. Bernabeu, suburbestro, salutas la kongresanaron

Post la fotografado, ni estis akceptataj en la ĉefa salono de la urbodomo. La suburbestro, s-ro. Bernabeu, tiele salutis nin: "Estas du gravaj kialoj, spirita kaj kultura, pro kiuj ni deziras por via kongreso sukceson. Ke la partoprenantoj kunportu ĉiaman rememoron de nia kunvivado en Sabadell, kvankam vi trovis nian urbon ne multe loĝata pro la kolektiva feriado de Sabadell kaj Terrassa. Ni deziras, ke vi, ĉu kiel kongresanoj, ĉu private, ke alifoje vizitu nin. Dankon".
Li donacis al s-ino Figuerola bukedon de floroj, kaj donaceton al ĉiu ĉeestanto, kaj fine, regalis nin per lunĉo.

Posttagmeze, disvolviĝis kunsido de ILEI. Profesoro F. Zaragoza demonstris la superan taŭgecon de la "Perfraza Metodo" por la instruado de Esperanto. La elementa kurso konsistas el dudek unu lecionoj, kaj entute, el kvarcent elektitaj frazoj; frazoj, kun ne granda nombro da vortoj, sed la vortoj necesaj por la ĉiutagaj bezonoj.
En la aŭditorio de Radio Sabadell, la kunveno de HEF-estraro kun la Grupdelegitoj pritraktis internajn aferojn de nia organizaĵo.

"Scienca valoro de la lingvo internacia Esperanto" estis la kastililingva prelego de Jozefo M-a González Aboín. Tiu, post ties prezentado fare de nia prezidanto Figuerola, komencis sian disertacion rimarkigante, ke oni ne tiel valoris la sciencan aspekton de la lingvo kiel aliajn aspektojn nesciencajn. "Pro tio, ni pritraktas la rilaton de Esperanto al la diversaj sciencaj branĉoj".

Por tio, ni unue, devas fari historian ekzamenon kaj rimarki la malfacilaĵon de la scienculoj por la reciproka komunikado.

Jam, en la prahistorio, ekzistis kelkaj sciencaj konoj, kiuj transiris voĉe. La unuajn konitaĵojn ni trovas sur la sumeraj argilaj tabuloj, kun kelkaj ideoj tre klaraj. La egiptoj fondis la geometrion. Ĉiu antikva popolo uzis sian propran lingvon por la scienco. La greka scienco alproprigis ĉiujn sciencojn, kaj tiuj, fariĝis ekumenaj. Ankaŭ Ĉinio distingiĝis per sia kalendaro datita kvar mil jarojn antaŭ Kristo. La majaa civilizacio estis pli ekzakta ol la aktuala. La Inkaoj bone kalkulis per knotoj.



Parto de la Ekspozicio prezentita de s-ro Evaristo Gil

La latina lingvo, ĝis la 18-a jarcento, servis por la interrilatoj de la scienculoj sed la latino ne povas esti konsiderata universala; ĝia disvastiĝo estis malvasta kompare la Teron. Neniam la Romanoj povis trudi sian lingvon al la grekoj. La scienco floris kaj en la muzulmanoj, kaj en Hispanio, pro la kontakto inter la muzulmanoj kaj la kristanoj. La Skolo de Toledo uzis la sistemon Hindia.



Geaktoroj Zbigniew Dobryński kaj Kalina Pieńkiewicz

En la Reformacio, Lutero tradukis la Biblion en la ordinaran lingvon, ĉar la latino ne estis komprenata de la popolo. La latino estis la scienca lingvo ĝis la 18-a jarcento. Paskalo forlasis la latinon. La Enciklopediistoj verkis en la franca lingvo. La scienculoj delasis la latinon, kaj la naciaj lingvoj tiun anstataŭis. Nur estas latinaj la vortlistoj de terminoj. Tiam naskiĝis la naciismo. La angla lingvo de la industria revolucio forbalais la latinon; de tiam ĝis nun, estas uzataj, kiel sciencaj, precipe la angla, franca, germana, rusa kaj japana lingvoj. Laŭ UNESKO nun oni uzas ĉe sciencoj, en angla lingvo 40 procentojn, rusa 25 o/o, germana 10 o/o , franca 10 o/o kaj itala 3 o/o.

La scienculoj, kiuj ĝenerale ne estas filologoj, foruzas multe da tempo por lerni lingvojn, tempo, kiun oni forprenas de la esplorado., ĉe la ciencaj kongresoj, la lingvoj estas aŭtentikaj baroj. Ne povas esti laboraj lingvoj, ĉiuj lingvoj. Por tiuj, kiuj laboras per la propra lingvo, estas avantaĝo; la aliaj restas en malsupera situacio, kaj iliaj intervenoj per no ĝusta parolo, restas sen konsidero.

La samtempa tradukado povas nur mildigi la lingvon problemon, sed ne solvi ĝin. Oni ne povas uzi la samptempan tradukadon je ĉiuj lingvoj, kaj ĝi povas servi nur en la grandaj kongresoj, ĉar la prezo de la samtempa tradukado estas tro multekosta. Al tio, oni devas aldoni, ke la plej granda parto el la sciencaj malkovroj estas farataj de modestaj personoj, kaj krome, ke malfacile oni povas trovi tradukistojn por sciencaj temoj, ĉar ili, ĝenerale, ne konas la sciencan terminologion.

Simpla kaj preciza lingvo estas avantaĝo por la scienco. Se esprimo havas du interpre-

tojn estas malfacilaĵo. Riĉeco da vortoj estas kontraŭa al la scienco. Ankaŭ nacia lingvo ne povas esti neŭtrala, ĉar unuj registaroj estas pli disvolviĝantaj ol aliaj. Estas do, necese, internacia scienca lingvo.
Diversaj provoj ekzistas de lingvo internacia. Volapuko inter ili, sed kun aboco apriora kaj sen scienca terminologio.
Zamenhof elpensis Esperanton por la komunikado de la homaro kaj tamen, Esperanto estas lingvo tre preciza por la scienculoj".
S-ro Aboín rakontas la diversajn historiajn okazaĵojn de Bjalistoko, kiuj instigis Zamenhof-on krei neŭtralan lingvon kiel solvon al la lingva problemo; konstrui gramatikon tre simplan; malmulte da radikoj, komunaj al la plej granda parto el la lingvoj; unika terminologio. La geografiaj nomoj estas tiuj de la landloĝantoj internaciigitaj. La esperanta Mond-mapo estas gvidilo.
En Botaniko kaj Geologio estas pli ol miliono da nomoj. En la internacia lingvo oni devas nur esperantigi la latinajn nomojn de Linneo. Jam, kiam en 1887 aperis Esperanto, ĝia scienca valoro estis tuja. En Ĝenevo, en 1906, aperis "Scienca Revuo", kaj "ISAE-Internacia Scienca Asocio Esperantista", en 1908.
En Esperanto estas verkita doktora tezo de hindo, Asteroido, estis nomata Esperanto, kaj alia, Zamenhof. Ĉe somera universitato de U.E.A. kaj en la Kongresoj de Esperanto, krom la scienca valoro, ekzistas ankaŭ kamaradeco.
Tamen, Esperanto ankoraŭ ne plene eniris en la sciencan mondon. Esperanto estas beno por la scienculoj. Entute Esperanto kontribuos al la antaŭenirado de la sciencoj; ke la scienculoj konu ĝin per ties granda avantaĝo.
La kongrestaga jaŭdo finiĝis per la Internacia Teatra Prezentado en la subĉiela ĝardena teatro de la kultur-domo. La polaj geaktoroj, Zbigniew Dobrynski kaj Kalina Piénkiewcz, majstre ludis teatraĵon "La Proksima nekonato". Ili estas famaj profesiaj geaktoroj teatraj, televidaj kaj kinaj. Dobrzyński ludis rolon en pli ol 30 filmoj, kaj estis la ĉefrolulo en dek sep.

La vendredo estis feria tago por la Kongreso. Oni ekskursis per kvin aŭtoĉaroj al la monto kaj monaĥejo Montserrat, kaj de tie, al la Ĉampankeloj "Codorniu" en Sant Saturni d'Anoia, kie oni regalis nin per lunĉo. De tie, ni iris kelkajn kilometrojn por tagmanĝi en kampara restoracio, kaj poste, ni revenis al la sama loko por viziti la grandegajn subterajn kelojn, kie sepdek milionoj de boteloj da vino lante kaj kviete fariĝas ŝaŭmanta ĉampano. Post tiu vizito, ni iris al Sant Pau d'Ordal por viziti la Muzeon de

Esperanto. Tie, ĝia direktoro, Ludoviko Hernandez Yzal, akceptis nin, kaj krome, okazis la ceremonia livero de la medalo "Klara Silbernik". Ĉi-jare, ĝi estis aljuĝata al s-ino Pilar García de Herrero, edzino de nia honora prezidanto d-ro Rafaelo Herrero. Tial ke, pro familiaj kaŭzoj, ili ne povis ĉeesti la kongreson, nia prezidanto s-ro Angelo Figuerola iros al Valencio por propramane transdoni la medalon al ŝi.

Sabate: La aranĝoj de la Kongreso komenciĝis per la Praktika Esperanta-Kurso de prof. Petro Nuez. La Praktikan Esperantan Kurson sekvis la diversaj ekzamenoj de Esperanto -kapableco kaj instruisto- de Hispana Esperanto Federacio.

Oni vizitis en Sabadell du bonege aranĝitajn muzeojn: la Paleontologian kaj la Historian. La unua, studa centro pri la disvolviĝo de la vivo tra la tempo, ekde la plej simplaj vivuloj ĝis la plej elstara mamulo, la homo. Pri la Historia Muzeo, ni devas mencii, ke ĝi enhavas precipe multajn pratempajn ilojn kaj kolekton da antikvaj teksiloj.

Tiujn vizitojn sekvis la tagmanĝo, kaj poste, la Generala Kunveno de Hispana Esperanto-Federacio.
La Prezidanto de HEF, s-ro Figuerola, malfermis la sesion, kaj la Sekretario, s-ro González Aboín, unue legis la protokolojn de la pasinta kongreso en El Ferrol, kiuj estis aprobataj, kaj sekve, la raporton pri la laboro realigita inter la du kongresoj, same aprobita de la ĉeestintoj.
La kasisto, s-ro Gerardo Flores, legis la ekonomian raporton, ankaŭ aprobita.
Tial, ke la daŭra valuta malkresko de la peseto altigas la elspezojn, post konsidero de tiu fakto, la ĉeestintoj aprobis duobligi preskaŭ ĉiujn kotizojn de H.E.F.
Rilate la renovigon de la Estraro de H.E.F., finiĝonta en la lasta tago de tiu ĉi jaro, oni akordis daŭrigi la klopodadon por formi la elektotan novan estraron.
Pri la eksterordinara kunsido por ŝanĝi paragrafon de la Statutoj, oni prokrastis ĝin pro tio, ke oni konsideris necese ŝanĝi ankaŭ aliajn paragrafojn de la Reglamento.
Laŭ kutimo de nia tempo, okazis vigla diskutado inter la junuloj kaj la maturuloj pro malsameco de vidpunktoj. Tamen, ĉio finiĝis konkorde. Tio montras eksploton de vigleco, ĉiam preferinda ol la silenta velkado.
Vespere, en la sama salono, s-ro Gabrielo Mora i Arana, esperant lingve, verve prelegis pri "En la jarcenta datreveno de l'Atlàntida la epopea ĉefverko de la kataluna poeto Jacint Verdaguer". Pro la graveco de la disertacio, la tuta teksto de la parolado aperas en aliaj paĝoj de tiu ĉi "Boletín".



Ĝenerala Kunveno

Arta Vespero. En la Subĉiela ĝardena teatro, ni ĝue aŭskultis kaj rigardis la diversajn aranĝojn. Intervenis, per skeĉoj, la infana kaj junula trupo de "Centro de Esperanto Sabadell", kiuj, inter aliaj programeroj, interpretis "Karnabalan Balon". Kantis Esperantajn Kanzonojn la Infana Horo de C.E.S., sub la direktorino Magda Clerch; rimarkindaj estis "La Najtingalo", "Himno de la Eŭropa Unueco" kaj la kantaĵo "Orkestro". La gefrancoj, s-ro Boulet kaj lernantino D. Clavel, ludis la skeĉon "Kiel havi ekzamenon"; tipa trupo de Vilafranca del Penedés, "Falcons", prezentis gimnastikajn figurojn kaj homturojn en akompano de folklora muziko.

Bedaŭrinde, la meso, kun prediko en Esperanto fare de Pastro Emanuelo Casanoves programita por la dimanĉo, ne povis okazi, ĉar pro miskompreno de la aŭtoĉara entrepreno, ne alvenis la veturiloj, kiuj devis translokigi la kongresanojn al la eksterurba Santejo "La Salut". Do, la programo disvolviĝis tiele: Vizito al la strato d-ro Zamenhof, kun paroladetoj rilate la okazaĵon, kaj ofero de bukedo da floroj sur la strattabulo. Poste Oficiala fermo de la Kongreso. La Prezidanto de la Loka Komitato, s-ro L. Puig, salutis la kongresanojn kaj esprimis sian deziron, ke la kongreso estu ŝtupo por la plibonigo de nia movado per novaj fortoj kaj ke ni sekvu la vojon celitan.
S-ro González Aboín legis la tuj aprobitajn rezoluciojn de la Kongreso:
Gratuli d-ron Mario Dazzini, Sekretario de ILEI, pro ties agado por Esperanto.
Honori s-ron Antonio González González, eksrektoro de la Universitato de La Laguna, kiu kreis la Katedron de Esperanto, gvidata de prof. Rêgulo Pérez.
Sendi gratulan telegramon al s-ro Franscisko Azorín Poch, ĵus nomita ĉefo de la ŝtata statistiko, filo de la mortinta elstara esperantisto kaj arkitekto Azorín, elmigrinta al Meksikio kaŭze de la sekvoj de nia civilmilito.




Ekspozicio kialojn pri Esperanto

Kaj la konkludojn al la Registaro:
Ke estu organizataj someraj kursoj de Esperanto por instruistoj.
Ke kune kun la franca kaj angla lingvoj, oni instruu ankaŭ Esperanton en la abiturienta lernado.
Ke estu fondataj katedroj de Esperanto en la beletraj fakultatoj; kaj fine, sendi gratulan telegramon al Lia Reĝa Moŝto Johano-Karlo.
S-ro Puig aldonis, ke la Loka Komitato transdonos al la venonta kongresurbo la dokumentaron kaj la frandan verdan flagon, kiu pendas ĉe la fono.

S-ro Figuerola, kiel Prezidanto de H.E.F., fermis la kongreson per la jenaj vortoj: "Amikoj, unue mi dankas la eksterlandajn ĉeestantojn. Mi esperas, ke nenia malgranda kaŭzo estu por ili ĉagreno . La Loka Komitato estas kontenta kaj nenio plu". Kaj kastililingve, li diris: "Vere ni estas en Esperantujo. Tiu ĉi kongreso, malgraŭ la malfacilaĵoj, renovigo de estraranoj, prokrasto de la aŭtoĉaroj, bone sukcesis. Ni, nome de la Federacio, dankas la organizantojn kaj gratulas kaj la aŭtoritatulojn kaj la kongresanojn, ĉar sen ĉeesto de la kongresanoj estas neeble kongresi. Se ni havas sukceseton, ilia estas la merito. Kaj ĝis la baldaŭa proksima kongreso en Callosa de Segura".
Inaŭguro de nova propra sidejo de "Centro de Esperanto Sabadell": S-ro Puig, kiel prezidanto de C.E.S., en inaŭgura paroladeto, reliefigis la malavarecon de sinjorino Antonia Galbany de Criach, kiu memore de sia forpasinta edzo, s-no Antonio Criach Valls, altruisme donacis sidejon por C.E.S.; tiu societo, ekde nun, posedas propran du etaĝan konstruaĵon.
S-ro Figuerola, prezidanto de HEF, rimarkigis tiurilate la avantaĝon havi propran domon, ĉar tio estas granda servo por la Esperanta Movado, kaj en la nomo de HEF, dankis s-inon Antonia Galbany de Criach.
"Centro de Esperanto Sabadell" regalis la kongresanojn per lunĉo. La nova sidejo konsistas el teretaĝo, adekvata por kunvenoj, kaj subtera etaĝo, taŭga por klasoj.
Post la laboraj taskoj la bankedo estis fina festo. Ĝi okazis en nova restoracio ĉe la ĉirkaŭaĵo de Sabadell, en "Bella-Terra". Dum la kaftrinkado , s-ro Gabrielo Mora i Arana deklamis originalan poezion pri la Kongreso. S-ro Figerola salutis kaj adiaŭis ĉiujn ĝis la proksima Kongreso en Callosa de Segura. Parizano J. Piron rimarkigis, ke ekzistas diversaj organizaĵoj en la Mondo . Nia lingvo esta kapabla servi por katolikoj, laboristoj ..., kaj ke ni ne devas nur propagandi sed uzi la lingvon. Ĉe la fino de la bankedo oni atentigis, ke la nun finiĝanta etapo de la esperantismo komenciĝis antaŭ kelkaj jaroj per la postmilita Kongreso en Terrassa, gvidata de nia avo Sebastiano Chaler, kaj ke la nuna etapo, kiu komenciĝas en Sabadell, estu la plena sukceso de Esperanto.
Kun adiaŭo, antaŭen!
Ĝis la venonta Kongreso en Callosa de Segura

G. Moya.



Ĝenerala fotografado de la kongresanoj

# EN LA JARCENTA DATREVENO DE "L'ATLANTIDA" — LA EPOPEA ĈEFVERKO DE JACINT VERDAGUER —

Bonvolu permesi al mi, ke mi imagu momente la jenon: Ke nur antaŭ kelkaj minutoj finiĝis mia prelego okazinta en Lerdo, la ĉefurbo de la tiel nomata "firma lando", kaj ke post mallonga dorma paŭzo, mi estas preta daŭrigi, aŭ pludiri, tiun temon, sed translokiĝante mi, kune kun vi, al alia grava urbo, Sabadell, tiuokaze ĉefurbo de la ŝpin -kaj teks- industrio.

Tamen, en la realo, forpasis jam du jaroj. Sed mi ĝoje konstatas, ke la plimulto de tiuj personoj, kiuj pacience kaj indulge aŭskultis tiam mian paroladeton, troviĝas ankaŭ hodiaŭ ĉi -tie. Do, ne strange, mi povas fantazii pri tiu mirinda fakto: ke dudek kvar monatoj povas forflugi dum intertempo de nur unu sola tranoktado.

Hodiaŭ mi deziras paroli al vi, tre karaj gesamideanoj, pri temo, kiu ankaŭ rilatas la katalunan literaturon pro la nuna jubilea cirkonstanco de tiu digna premio kaj eventa publikigo, antaŭ ĝuste cent jaroj, de la glora epopeo de Jacint VERDAGUER "L'Atlàntida" (La Atlantido), kiu estas nedubeble, la plej mirinda pinto de la beletro katalunlingva, sed ne nur pri sublima kreopoveco, sed precipe pri la definitiva elsaviĝo de tiu jam antaŭe floranta lingvo de Ausiàs March, Joanot Martorell, Bernat Metge, k. t. p., kiu restis, dum tri jarcentoj, en iompostioma marasma dekadenco kaj degradiĝo. Ho, lingvo, similanta al tiu ensorĉita junulino, kiu ne vane atendadis, dum longega dormado, la miraklan kison de iu princo, kiu, tiufoje, ne estis alia ol Verdaguer, elstara poeto -sed simpla vilaĝano kaj kampulo!

Ho, jes! La juna poeto, naskiĝinta kaj ĝis tiam loĝanta en kampara medio, kapablis, per sia natura genieco, rangigi denove al uzo nobla de la beletristiko, sennombrajn vortojn kaj racian naturan sintakson, kiuj ĝis tiam restis bonŝance vivaj, sed senprestiĝaj, nur sur lipoj de simplaj homoj en la malproksimeco de la grandaj urboj, kiuj, certagrade, kaj malgraŭ ĉio, estis fokusoj de kulturo kaj industriigo sub influo de centralizisma ŝtata politiko.

Sed, antaŭ ol paroli pri tiu-ĉi temo, mi sentas la deziron kaj ankaŭ la bezonon diri kelkajn vortojn pri la nunjara kongresa urbo, Sabadell, kaj ankaŭ pri ĝia natura regiono, la okcidenta "Vallés", -prikantita de gloraj poetoj-, ĉar tie ne nur gloriĝas la naturo, sed ankaŭ la plej varia agado de entreprenemaj kaj laboremaj homoj; de artistoj kaj idealistoj. La urbo Sabadell, kaj ankaŭ ĝia najbara fratino Terrassa kaj multaj aliaj, ne tiel gravaj, svarmas je aktiveco kaj sentigas, kiel muzikon, la zumadon de la ŝpin -kaj teks- maŝinoj. La "vallés-aj"

urboj kaj urbetoj estas tiel aktivaj kaj viglaj, ke ĉie oni vidas, ke la propra glora historio kaj antaŭ kaj estonta prospero, interplektiĝas kiel varpo kaj vefto.

Estas malfacile al ni imagi, ke Sabadell, nur ĝuste antaŭ cent jaroj, honore rajtis esti titolita "urbo". Tio okazis la jaron, kiam la verko de Verdaguer "L' Atlàntida" estis sukcese diskonigata. Do, en 1877-a. Nur de tiam, Sabadell komecis nomi sin urbo, pro sia senhalta kreskado. Nuntempe ĝi estas urbego el pli ol ducent mil loĝantoj, kaj fama diversaspekte en la tuta mondo.

Ne nur industriistoj famigis kaj famigas ĝin kaj ĝian ĉirkaŭregionon: ĝi fieras ankaŭ pro elstaraj poetoj, inter aliaj artistoj, kiel Agnès ARMENGOL, delikata poetino de la frua apoko de la moderna kataluna Renesanco. Pri alia aŭtoro, Joan ARUS, eminenta poeto ankoraŭ vivanta, kiu enkadriĝis en la simbolisma skolo, en la noblaj paĝoj de la "Kataluna Antologio" troviĝas pluraj poeziaĵoj liaj. Liaj versaĵoj estas fajne belaj kaj spritaj laŭ plej profunda kaj serena inspiro, kaj li majstris prikantante la geedzan amon. Antaŭ unu jaro, li, okdeksesjaraĝa, gajnis la prestiĝan Premion Fastenrath.

Pastro Camil GEIS (naskiĝinta en Girona), kiu nunjare publikigis sian vastan plenan verkaron poezian, estas profunda religia poeto, kies poemoj plenas de nedifineblaj oraj nuancoj, kiujn li kaptis en la medioj ekleziaj kaj civilaj de la urbo Sabadell, kiun li de longe adoptis kiel naskiĝlokon.

"Pere Quart" estas la pseŭdonimo de la poeto Joan OLIVER, ricevinta, antaŭ sed jaroj, la "HonoranPremion de la Kataluna Beletro". Li famis jam en sia juna aĝo pri du transcendaj poemaroj, pli satiraj al humoraj, kiujn li titolis "Les decapitacions" (La senkapigo) kaj "Bestiari" (Bestaro). Nuntempe li estas konsiderata la plej karakteriza kaj celintenca poeto realisma kaj sociala, kaj li estas ankaŭ grava komediverkisto.

Ni povus paroli pri aliaj, inter kiuj elstaras Lluís CANALS kaj precipe Ramon MOIX i CUSIDO, kiu estas modela postsimbolisma stilisto.

Sabadell, urbo de la nunjara Hispana Kongreso de Esperanto, fariĝis de tuj post la fino de la kruela hispana intercivitana milito, unuaranga urbo de la esperantismo enlanda, pro la senĉesa pozitiva strebado de "Centro de Esperanto Sabadell". Koran gratulon al ĝiaj aktivaj anoj!

La jaro 1877-a estis glora, memorinda, en la kadro de la Floraj Ludoj de Barcelono. Sed mi deziras, ke ni situigu nin dek du jarojn pli malantaŭen: ĝuste en la Florajn Ludojn de la jaro 1865-a. Tiam, je la unua horo portagmeze, komenciĝis en la gotikstila ĉefsalono de la Urbodomo (la tiel nomata "Saló de Cent") la tradicia poezia festo, kies maksimuma neatendita reliefo tiujara rezultis esti iu vilaĝana junulo, dudekjara, kiu ricevis siajn du unuajn premiojn. Li estis simpla malriĉa kamparana pastra studento, kaj li eniris la festsalonon vestita per simpla pordimanĉa vesto, kiun pruntis al li amiko lia, Joan Teixidor. La neofita poeto iris ĝis la reĝina trono portante enmane la tipan katalunan ĉapon (nun jam eksmodiĝinta), kiun oni nomas "Barretina". La surprizo estis ĝenerale, kaj spontanee bruegis tondra aplaŭdado. (Tiaman bildon lian ni vidas sur la aktualaj kvincentpesetaj monbiletoj. Li estis, vere, belmiena.)

Tiu junulo ne estis alia ol la estonta genia poeto Jacint VERDAGUER. Tiam, neniu supozis, ke li atingos la plej altan gloron kiel poeto, kaj la plej kruelan tragedion kiel homo. Ho, jes! Multjara persona sortobatalo suferigis lin nekredeble, ĝis li mortis en frua maljuniĝo.

Verdaguer, post tiu brila Poezia Festo, revenis al sia vilaĝo nepriskribebla entuziasmo, kaj de tiam li eksentis la deziron prikanti la grandan aventuron de Kristoforo Kolumbo. Poste, li spertis novan deziron: unuigi de temojn, nome la historion de la malkovro de Ameriko kaj la legendon pri la kataklisma enfundiĝo de la fabela aŭ antaŭhistoria Atlantido, sugestite de iuj paragrafoj pri tiu temo, kiujn li pasie legis en la "Dialogoj" de Platono. Influis lin ankaŭ iu verko de pastro Nierenberg, titolita "La grandaj punoj", ĉar en lia verko, la supozita iama kontinento, la Atlantido, estas detruita pro siaj grandaj pekoj. Tiel Verdaguer komencis strukturi sian imagitan poemegon, kiu post dek du jaroj finiĝis.

La poeto, kiu tiam preskaŭ neniam vidis la maron, restis de ĉiam forte impresita de ŝtonoj, inundoj kaj arbaraj incendioj pli-malpli ofte okazantaj en lia regiono, luj biografoj liaj asertas ke, foje, dum tempesta nokto, li, tute nuda kurante kaj saltante, vagadis sur la monto kvazaŭ li estus unu el la titanoj de sia estonta epopea verko.

En la Floraj Ludoj de 1866-a, la juna poeto ree sukcesis gajnante kvar subpremiojn, sed pro skrupulo, li volonte ne ĉeestis la Feston por tiel foreviti aplaŭdojn. Li insiste sendis kelkajn poeziaĵojn al la Floraj Ludoj de la sekva jaro 1867-a, ĉar li iluzie celis tiajn ĉefajn premiojn, per kiuj oni povas ankoraŭ atingi la Majstro-titolon kiu, poste, estis digne aljuĝita al li la jaron 1880-an. Sed li, tiam, en sia tria partoprenado, plene fiaskis, ĉar oni aljuĝis al li neniun premion. Sendube spertis li grandan disreviĝon pro tiu cirkonstanco, sed dum la postaj monatoj, li prilaboris, febre, entuziasme, la unuan provon de sia granda poemo, kiun li prezentis esperplene al la Floraj Ludoj de la jaro 1868-a, en kiuj ĉeestis, kiel honoraj invititoj, Frederiko MISTRAL, la granda okcitana poeto, kiu poste atingis la Novel-Premion, kaj José ZORRILLA. Tiu poemo estis titolita "Hispanujo Naskiĝanta" sed bonŝance ĝi fiaskis...

Ho, jes, bonŝance! Tre favora estis por la juna aŭtoro tiu malsukceso, ĉar laŭ saĝa konsilo de la prestiĝa Universitata Profesoro Manuel Milà i Fontanals, Verdaguer restrukturis kaj reverkis la poemon. Jen laŭdinda kaj plenefika entreprenado, kiu post pluraj jaroj, signifis por li plej altan kaj nevelkontan gloron.

Intertempe, li pastriĝis, kaj iris posteni, kiel simpla vikario, al rura vilaĝo Vinyoles d'Oris. Tiam ekmanifestiĝis al li tre persista migreno: suferigaj kapdoloroj, kiuj pli kaj pli turmentis lin ekstreme. Li eĉ supozis, ke lia morto estas tre proksima kaj neevitebla. Vane li serĉadis efikajn kuracilojn. Multajn li provis. Eĉ oni aplikadis longtempe sur lian elrazitan kapon ĝenan senefikan plastron. Certe li fariĝis pli kaj pli malsana pro cerba anemio kaŭzita, eble, de-

senmezura cerbumado, pro verkado, reverkado kaj aliformigado de sia epopeo kaj aliaj poemoj.

Kompetenta kuracisto konsile preskribis al li longan surmaran restadon. Hazarde, prezentiĝis al li la ŝanco ofici, kiel ŝippastro, en la Transatlantika Kompanio, kiu estis proprietaĵo de la Markizo de Comillas. Pli poste, la poeto fariĝis lia almozo-administranto. Li enŝipiĝis, en la haveno de Kadizo, la 4-an de decembro 1875-a, en la ŝipon "Guipúzcoa". Tre baldaŭ li malĝojis pro alsopiremo rememorante sian patrujon. Kaj sub tiu stato, li bele verkis kelkajn sentimentalajn versaĵojn, sed li reakiradis, iom post iom, la sanon. Baldaŭ li sentis sin tentata daŭrigi la taskon elfini sian epopeon, ĉar la oceano, krom resanigi lian cerbon, proponis al li oportunajn motivojn, kiujn li neniam antaŭe imagis. (Ni ne devas forgesi, ke li subskribis siajn plej fruajn poeziaĵojn per tre klariga pseŭdonimo: "Montarana fraŭlo").

Sur la transatlantika ŝipo "Ciudad Condal", la 18-an de novembro 1876-a, Verdaguer (La jam tiel populara nomata "Mossén Cinto") verkis, kiel poemfinaĵon, sesversan dediĉon al sia mastro kaj mecenato, la markiza moŝto Antonio López, kaj senprokraste, li sendis konkurse la verkon al la Floraj Ludoj de la jaro 1877-a.

La Floraj Ludoj, de tiu-ĉi menciita jaro, famiĝis, precipe, pro du eksterordinaraj faktoj: Guimerá, la granda kataluna poeto kaj dramverkisto naskiĝinta en Santa Cruz de Tenerife, gajnis la tri "florojn" samtempe, kaj Verdaguer atinguis, per sia epopeo "L'ATLANTIDA", la Eksterordinaran Premion oferdonitan tiujare de la Provinca Deputitaro de Barcelono. La Festo rezultis, do, entute, apoteoza. Amiko de Mossèn Cinto, la poeto kaj estonta kanoniko Jaume Collell, legis patose plurajn fragmentojn de la premiita verko, kiuj entuziasmigis la ĉeestantaron.

Sed, kion prikantas "L'Atlàntida", kiu, sepdek jarojn poste, inspiris la mondkonantan hispanan komponiston Manuel de Falla verki la samtitolan kantaton? Jen, skize, la temo:

Du malamikaj militvelŝipoj, unu el la Venecia regno, kaj alia el la Ĝenova, renkontiĝis vidalvide. Okazis tiam furioza ŝtormo, kaj fulmo trafis la pulvejon de unu el ambaŭ. Granda eksplodo skuis kaj dissplitis la du ŝipojn, kiuj neeviteble dronis kaj alfundiĝis. Bedaŭrinde, nur unu junaĝa maristo kapablis bonŝance postvivi. Maljuna hermito, loĝanta ĉe strando, havis la okazon helpi lin dum la saviĝo. Kaj dum plurtaga flegado la savinto rakontis al la savito veran sed nekonatan malnovan historion pri iu fabela malaperinta insulo aŭ kontinento de la Atlantika oceano, kiu estis nomata Atlantido.

Tiu junulo el Ĝenovo (kiu ne estis alia ol Kristoforo Kolumbo) ekkoninte pro la rakonto tiun prafakton, kelkajn jarojn poste entreprenis marvojaĝon ĝis li eltrovis por Hispanujo novan ĝis tiam nekonatan landon, kiu, poste, estis nomata Ameriko.

El tiu malaperinta kontinento, laŭ poezia kreaĵo, inter alia, de la fantazio de nia nemortema kataluna bardo, restas ankoraŭ kiel atestaĵo la Kanaria In-

sularo, kaj, plej alstare, la svelta vulkano Teide en Tenerifo. Verdaguer plektis harmonie, brave, helenajn mitojn, heroajn legendojn kaj enlandajn tradiciojn, Bildiĝas kunligite kristanaj simboloj, superstiĉoj kaj paganaj ritoj; priskriboj pri oceanoj tumultemaj, imponaj montĉenoj kaj idiliaj insuloj; monstroj kaj sendefendaj bestoj kaj bestetoj. Li parolas pri nenormalaj estaĵoj, sed ankaŭ pri konataj kantemaj birdoj, medicinaj herboj kaj sovaĝaj gajaj floroj. Ĉio ebligas en tiu grandioza epopeo plena je agrablaj kontrastoj, kaj ĉio prezentiĝas laŭ mezuro ciklopa, titana, kolosa, aŭ laŭ mildeco de naivaj sentemoj, aŭ simplaj aĵoj, kiuj vibras harmonie en la katarakta fluo de liaj aleksandraj versoj -ŝorca spegulo de lingvo jam redemptita, sed ankoraŭ plena je duboj kaj stumbloj.

La pia maljunulo kaj solulo daŭrigis sian rakontadon al Kolumbo, jene: "La helena duondio Heraklo (aŭ Herkulo) alvenis al la Pirenea Montaro plenumrealigante iujn el la lastaj dek du puntastoj altruditaj al li de Eŭristeo aŭ, laŭ alia diro, de la Delfo-Orakolo. Tiam, la tuta montĉeno bruladis pro terura incendio intence okazigita de la trikapa monstro Geriono, kiu avidis detronigi la junan kaj belan princinon Pirena, ĉar tie ŝi rifuĝis. La heroo povis preni ŝin el la flamoj, sed ĝi, jam agonianta, mortis en liaj brakoj. Heraklo, tiam, je ŝia honoro, faris grandan maŭzoleon el rokegoj, kaj tiel renaskiĝis pli bela, imponа kaj vasta ol antaŭe, la Pirenea Montaro. "Oni devas diri, ke Verdaguer verkis tiun unuan kanton per lirikeco senegala: li plukis genie, senkompare, la kordojn de sia ora liro.

"Plue, Heraklo sentis sin pelita iri al sorĉa ĝardeno de la Hesperidinoj situanta en la sudo, por povi deŝiri la pintan supran granĉon de iu rara pomarbo je fruktoj el oro, por tiel ĝin oferdoni al la vidva reĝino Hespera, kaj povi altiri al si ŝian amon, laŭ instiga konsilo de Geriono. Heraklo cedis al tiu tento, malgraŭ ke la ĝardena loko estis ĵaluze gardata de nevenkebla drako, kiun la heleno, siatempe, kapablis mortigi post granda batalstrebado. Li, pro tiu heroaĵo, rajtis edziĝi al Hespera, kiu estis la patrino de la belaj Hesperidinoj kaj de iliaj fratoj, la Atlasidoj aŭ Titanoj, kiuj kolere reagis kontraŭ li, ĉar la mortigo de la gardo-drako estis konsiderata kiel malbona aŭguro kaj antaŭsigno de nepra landa ruiniĝo, laŭ diro de la edzo de Hespera, Atlaso dum sia agonio kaj morto.

"La Atlasidoj kiuj ja de longe fariĝis malpiaj, malvirtaj, defiis la heroon kaj, blasfeme, Dion. Tial, pro tiu kulmina orgojla peko, la Altegulo kondamnis la Atlantidon al malapero. Heraklo helpis la dian decidon fendante la monton Kalpe (la nuna Ĝibraltara rokego) per sia klabo, sed lian dekstran brakon movis eksternatura forto. Sekve de tiu eltranĉo, ekaperis markolo, tra kiu tuj defluadis la Mediteranea Maro. Tiel, la Atlantido komencis droni kaj frakasiĝi. Kaj pro malaltiĝo de la marnivelo malmergiĝis, i. a., la greka arkipelago, Sicilio, Sardujo, Korsikujo kaj la Baleara Insularo: duonmalpleniĝis, do, la mara basenego, kaj, aldone, la nokta ĉielo verŝadis ŝtorman pluvegon sur la pereantan kontinento.

"Heraklo, meze de la ĥaoso, avide serĉadis la reĝionon Hespera lumigante al si, dum la kataklisma malhelo, per flamanta arbego. Ŝi, Hespera, malĝoje adiaŭis siajn sep filinojn, kaj konfesis al ili sian amon pri la greka heroo. La perversaj fratoj -la Atlasidoj- penadis savi sin el la akva lavango, konstruante altegan rokturon kaj ĵetante ŝtonegojn al sia malamiko, antaŭ ol li trafis renkonti la reĝinon kaj preni ŝin sur si.

"La trikapa Geriono, sub la diluvo kaj meze de fulmado kaj bruega tondrado, iniciatis batalon kontraŭ Heraklon celante alproprigi al si la reĝinon. Sed la rivalo -la duondio- ŝancis mortigi la monstron el kies sango naskiĝis iu stranga arbo, la "drakarbo" vegetaĵo kun ruĝa limfo, kiu oni nur povas admiri en la Kanaria Insularo." (Ĉu ĝi estas tiu kurioza planto, kiun Dante priskribas en sia "Infero"?)

Kaj daŭrigis la piulo: "La titanoj grimpis altan monton por provi lastfine savi sin kaj atingi la ĉielon kaj detronigi Dion, sed ĉio disfalis meze de tertrema skuiĝo. Ĉiu el ili pereis, kaj je ilia memoro ekaperis fajrvomante la vulkano Teide.

"Tiam, kiel ĉielarko, en la firmamento aperis mesaĝa Anĝelo: la Anĝelo de la naskiĝanta Hispanujo. La postan nokton videbliĝis la sep fratinoj en la ĉiela volbo, ĉar ekbrilis nova konstelacio: la Plejado.

"Heraklo, la venkinto, reiris al sia lando kunportante Hesperan. Kaj kiel atestaĵon de ĉio okazinta, li starigis du firmajn kolonojn montrantajn jenan devizon: "Non plus ultra" (Ne pli antaŭen). Dum la reirado, li fondis multajn belajn urbojn, inter kiuj elstaras Barcelono. Kaj li ankaŭ plantis en Gades (la nuna Kadizo) tiun oranĝujan ŝoson". La blankhara oldulo rakontinte al Kristoforo Kolumbo tiun mirhistorion, turnis sin rigardante Hispanujon, kaj montrosignis la oranĝarbon, kiun Heraklo stikis, ĉar ĝi firme enradikiĝis kaj malavare fruktadis.

Verdaguer, kiel poemfinaĵon, prikantis la de li nomatan Novan Hesperlandon kaj la entrepreneman entuziasmon de Kolumbo, kiu de tiam revadis navigacii antaŭen de la Heraklaj Kolonoj, firme kredante, ke li povos trovi virgajn kaj riĉoplenajn landojn.

Kaj la poemo finiĝas per belaj stancoj, titolitaj "Sonĝo de Izabela", laŭ kiuj, la hispana reĝino forvendas siajn karajn juvelojn por tiel ebligi la konstruadon de la tri velŝipoj, per kiuj Kolumbo realigis sukcese sian epokfaran marvojaĝon.

Oni iom plende demandis al Verdaguer, kial li, mistika poeto, prikantis tiun mitologian kaj paganan epopeon. Kaj li respondis tiel: Bonvolu ne forgesi, ke mi konsekris min al Dio inter dolmeno kaj altaro". Li aludis la megalitajn ŝtonojn, kiuj ankoraŭ nun staras apud la ermitejo Sankta Georgo, proksime de Vic, kie li diris sian unuan meson.

Jen, do, pala resuma temo de "L'Atlàntida", kiu, kiel dirite, famiĝis en la Floraj Ludoj de la jaro 1877-a, kaj baldaŭ estis tradukita en la plej gravajn kulturlingvojn. Verdire, la precipa heroo en ĝi, ne estas Heraklo, sed la pro-

pra geologia naturo, laŭ plej variaj kaj allogaj aspektoj majstre kaj impone priskribitaj.

Kaj kiel konkludon de mia nekohera babilado, mi volas prezenti al vi iun demandon, ĉar neevitable devis paroli insiste pri la tradiciaj Floraj Ludoj. Ni scias, ke de 1909-a ĝis 1936-a sukcese spertiĝis kaj disvolviĝis la Internaciaj Esperantlingvaj Floraj Ludoj starigitaj kaj alvokitaj de la Kataluna Esperantista Movado. Do kiam ni, katalunoj, kiel naturaj posteuloj de tiuj antaŭaj gloraj generacioj, inde kaj firme denove restarigos tiun historian Feston de la Poezio, kiu tiel fekunde kaj prospere enradikiĝis en Katalunujo kaj en la Esperanto-Movado? Ĉu ni, nun, ne estas sufiĉe kapablaj tion fari?

Gabriel MORA I ARANA

---



**22-jara studentino**

**F-ino Katalina Varvó**
**J'okai, 16**
**H–S 100 Jászberény**
**(Hungario)**



# DEZIRAS KORESPONDI

**30-jara, flegistino en infanvartejo, komencantino**

**F-ino Maria Nikovola**
**P. Karaminĉev, 26**
**ZJASKOVEC**
**(Bulgario)**

# 62-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Rejkjaviko (Islando) - julio 30 - aŭgusto 6 1977

Partopreni en Universala Kongreso ĉiam estas ĝojiga travivaĵo por la esperantistoj, sed la nunjara evento estis speciale alloga pro la beleco kaj eĉ ekzotikeco de la lando.

Estis 12 gehispanoj, kiuj flugis norden de nia kontinento kaj pasigis neforgeseblan semajnon ĉe la vizitinda urbo Rejkjaviko. Ni surteriĝis ĉe la Flughaveno Keflavik, je 50 kilometroj de la ĉefurbo kaj ni trovis pluveton kaj malvarman aeron, kiuj akompanis nin dum la unuaj kongresaj tagoj, sed poste, la vetero estis pli bona kaj suna. La longeco de la tago amuzigis nin, ĉar plena mallumo ne ekzistis; la unuan nokton ni havis malfacilaĵon por dormi, ĉar la kurtenoj de la hotelaj grandaj fenestroj ne efike mallumigis la ĉambron.

La Solena Inaŭguro estas eble la ĉefa kongresero, kaj nunjare, havis specialan signifon. Prezidis ĝin la Prezidanto de la Islanda Respubliko, kaj en bona Esperanto, salutis la Ministro de la Kulturo kaj la urbestro de Rejkjaviko. Sed la agrabla surprizo kaj la grava fakto, por nia movado, estas ke s-ro Amadou-Mahtar M'Bow, Ĝenerala Direktoro de UNESKO, partoprenis en la inaŭguro kaj faris interesan prelegon pri la temo de la Kongreso, "RAJTO JE KOMUNIKADO". Estas grava atingo, kaj ni esperas, ke ĝi havu sukcesajn rezultojn por nia nobla ideo. Li parolis en la franca, sed la kongresanaro sekvis la disertacion pere de esperanta traduko, antaŭe disdonita.

Inter la eroj en kiuj ni partoprenis, laŭ mia opinio, meritas esti menciitaj la jenaj: Triparta kurso pri la islanda lingvo (certe, ege malfacila) de Mg Arni Bödvarsson; Teatra vespero, "La hipnoto" de A. Cwojdziński, prezento de Pola Esperanto-Teatro, la du profesiaj aktoroj, kiuj jam ludis en Sabadell okaze de nia pasinta nacia Kongreso; Pupteatro, "La butikista korbo", prezentita de pastro Triksini, el Luksemburgo; Teatra Vespero, INUK, verko kaj prezento de la trupo de la Nacia Tea-

tro de Islando, kiuj ege inde kaj bonstile prezentis la modernan verkon; Internacia Arta Vespero, kun muziko, kanto kaj deklamado; Islanda Vespero, ĉefe kun folkloro kaj islanda sporta lukto; inter la prelegoj de I.S.U., mi citu tiun de Prof. C. Støp-Bowitz, pri "Komunikiĝo inter bestoj", kiu ege interesis la multenombran ĉeestantaron.

Ni partoprenis en la plej longa ekskurso, kiu daŭris la tutan merkredon, tra la insulo, kaj pere de ĝi ni konis parton de la lando, kiu havas ravan intereson pro la proksimeco de la grava vulkano Hekla, kies monto estas parte glacie kovrita. Forte impresis nin ankaŭ la gejseroj el ŝprucanta bolanta akvo, kiu taŭgas por la hejma hejtado kaj ankaŭ por varmigi la vitrajn domojn, forcejoj kie oni kulturas tropikajn arbojn, t.e. bananujoj kaj oranĝujoj, kaj diversajn legomojn.

La enloĝantaro estas ege afabla; la prezoj de la trinkaĵoj kaj servoj, ege altaj. Ni rimarkigu nur etan ekzemplon: Aŭtobusa bileto kostis 60 islandajn kronojn, kiuj egalvaloras 28 pesetojn. La vivnivelo estas alta malgraŭ la malforteco de la enlanda mono: misteroj de la mistera ekonomika scienco.

Lastan posttagmezan sabaton, ni partoprenis en la kunveno de la L.K.K. de la 63-a U.K. en Varno (Bulgario), kun la Estraro de U.E.A. kaj publiko. La organizantoj de la venontjara U.K. bone klarigis la multajn jam faritajn demarŝojn por sukcesigi ĝin. Do, 1978 ĉe la marbordo de la Maro Nigra.

Ramo.

---



BARCELONA ESPERANTO – CENTRO
Carreras Candi 34 - 36, entr. 3-a
Telefono 240 14 28
BARCELONO – 14

Estimataj esperantistoj:

La fondantoj de Barcelona Esperanto-Centro ĝoje informas vin, ke je la unuaj tagoj de aŭgusto, oni ricevis el la Sekretariejo de la Provincestro de Barcelono la aprobon de niaj statutoj kun dato 13-an de julio.

La pasintan 12-an de septembro okazis kunveno kun la celo organizi la unuan estraron, ĝi estas la jena:

| | |
|---|---|
| Prezidanto | Salvador Aragay |
| Vicprezidanto | Llibert Puig |
| Sekretario | Jose Maria Pi |
| Vicsekretario | Jose Ferrer |
| Kasisto | Tomas Alberich |
| Kontisto | Maria Garcés |
| Vocdonantoj: | Susana Trullols, Giordano Moya, Jose Cerezo, P. Manuel Casanovas, Henriko Jimeno, Lluis Armadans, Petro Nuez, Federiko Alberich, Natalia Gispert, Rafael Devis. |



# La 29-a I.F.E.F. KONGRESO EN SWANWICK (Anglujo)

La hispanaj fervojistoj amase respondis ĉiujare al la alvoko de la IFEF-Kongreso. 54 partoprenantoj veturis al Swanwick por renkontiĝi kun la fervojistoj alvenantaj el 17 landoj.

Survoje al la kongresurbo, la barcelona grupo haltis en Puigcerdá kaj Londono, por viziti tiujn urbojn. Post rapida trarigardo de la plej interesaj vidindaĵoj el Londono, ni daŭrigis la vojaĝon cele al Swanwick. De post Londono, la grupo multe pligrandiĝis, ĉar, ankaŭ multaj kongresanoj venantaj el diversaj eŭropaj landoj traveturis Londonon.

La alvena amaso da kongresanoj kaŭzis iom da problemoj al L.K.K.-anoj, sed, iom post iom, ĉiuj ricevis loĝejon, kongresdokumentojn, informojn, k.t.p.

La interkonatiĝa vespero estis gaja kaj sufiĉe brua, danke al la abunda vino, biero kaj aliaj alkoholaĵoj trinkitaj de la kongresanoj dum la babilado.

En la inaŭguro de la Kongreso partoprenis la loka komunumestro kaj kelkaj reprezentantoj de la Brita Fervojo. Kune kun la prezidanto de L.K.K., prezidis la honoran tablon, reprezentantoj de U.E.A., FISAIC kaj la estraro de I.F.E.F.

Delegitoj, reprezentante 17 landojn, salutis la kongreson, kaj kelkaj el ili, transdonis donacojn por la L.K.K. -prezidanto.

Dum la folklora prezentado ni havis la okazon rigardi la popoldancojn kaj aŭskulti kantojn el la diversaj anglaj regionoj; precipe plaĉis al ni, la prezentado de skota ensemblo, kiu ĝojigis la gekongresanojn pere de la lertaj sakŝalmistoj kaj tamburistoj.

Du prelegoj okazis fare de la D-rino Marjorie Boulton, unu pri "Zamenhof kaj la fervojo"; la alia pri "La arto insulti en Esperanto". En ambaŭ okazoj la ĉeestantoj varme aplaŭdis ŝian majstran paroladon.

Kiel kutime, en la programo de la kongreso, estis la "Internacia Balo". Bona orkestro dancigis la partoprenantojn ĝis noktomezo. Dum la balo, multaj homoj montris siajn respektivajn naciajn aŭ regionajn kostumojn, kiuj allogis la televid-raportistojn.

La Fakprelego (kiu vere estas la ĉefa programero de niaj kongresoj) ĉijare traktis pri "Vagondispozicio kaj cirkuladkontrolo ĉe la Brita Fervojo per elektronika operaciado". S-ro Curtis klarigis la Fakprelegon akompanante ĝin per du filmoj kaj kelkaj diapozitivoj; poste li respondis pri la demandoj de la ĉeestantoj.

La kongreso estis bona okazo por koni kelkajn belaĵojn de la lando; pro tio, oni planis tri ekscursojn; la unua al Crich, kie ni vizitis la trammuzeon, enhavanta kelkajn ekzemplerojn jam ne plu trafikantaj en la plenplenaj urboj. Stoke-on-Tren, estis la celo de la dua ekskurso; ĉi tie ni vizitis la Esperantan biertrinkejon nomata "La Verda Stelo", kaj poste, ni estis akceptitaj de la urbestro kaj regalataj per teo kaj dolĉaĵoj, en la granda halo de la Reĝidino. Poste, oni prezentis filmon pri la nova kaj malnova fizionomio urba post la ĝenerala purigado de ĉiuj ĝiaj domoj kaj stratoj. La tuttaga kaj tria ekskurso kondukis nin al Jorko, kie ni ĝuis rigardante la bonege aranĝitan fervojmuzeon. Poste, vizito al la fama katedralo de Jorko kaj al multaj vi-

dindaĵoj, kiujn enhavas la urbo; fine la ekskursantoj vizitis la hipodromon kaj ĝiajn instalaĵojn; en ĝia restoracio ni kune tagmanĝis, gustumante bonegajn anglajn manĝaĵojn.
Kompreneble, dum la kongreso enkaŭ multe laboris la estraro, la komitatano kaj la diversaj komisionoj, por trakti kaj diskuti pri la diversaj punktoj de la tagordoj.
El 17 punktoj konsistis la tagordo de la Estrara - Komitata kunsido; ili estis pritraktitaj en du kunsidoj, kiuj kune daŭris 8 horojn.
Ankaŭ la Terminara Komisiono bezonis kelkajn horojn por pritrakti sian diskutindan tagordon.

La venonta kongreso de IFEF okazos en Italio, kaj Romo estas la urbo, kiu invitas la fervojistojn renkontiĝi denove en Esperanta Kongreso de la 13-a ĝis la 20-a de Majo de 1978.

Provizore, estis Finnlando, kiu invitis la kongreson por 1979 en la urbo Turku.
Do, je la fermo de la kongreso kaj post transdonado de la IFEF-flago al la itala reprezentanto, la kongresanoj disiris kaj adiaŭis per la kutima frazo "GIS REVIDO EN ROMO VENONTJARE"!!!

R. Devis



Hispana grupo en la Fervojista Kongreso

## RADIOELSENDO PRI ESPERANTO

Dum la programo GRANDA MERKATO de Radio Peninsular de Barcelono, la 16-an de julio je la 10-a horo matene, estis intervjuataj samideanoj Frederiko Alberich, Petro Nuez kaj Tomaso Alberich pri la Internacia Lingvo Esperanto.
La radiofonia intervjuo, vaste aŭdata de miloj kaj miloj da radio-aŭskultantoj, el kiuj, kelkaj faris demandojn per telefono, estis trafe klarigata de la intervjuatoj.
Antaŭ la prezento, oni disaŭdigis kanzonon en Esperanto.
Pro la bona akcepto de la disaŭdigo kaj plena sukceso de la arangô, la gvidantoj de la programo bonvole prezentos alian elsendon pri Esperanto.



# Je la fino de l' Kongreso

Sabadell, la 24-an de julio 1977-a

*En ĉies kor' la lumo de l' somero*
*brilegas kiel mondo plenfeliĉa,*
*konscie pri l' mesaĝ' de LA ESPERO*
*laŭ eĥoj de frateco sindediĉa.*
*En ĉies mens' restadas la persisto*
*de bonvoleco nobla, malavara*
*de samideanaro vigla, stara*
*–aplombo firma de esperantisto*
*laŭ tiu bildo de estont' plej klara.*

*Ho belaj tagoj je profunda sento*
*pro la tutlanda renkontiĝo jara,*
*kiu fariĝas festo kaj evento;*
*gaja kermes' de disfluganta vento*
*kun signo kaj devizo je laboro,*
*trans ĉiu limo de transcenda amo!*

*Aŭdiĝas klarionoj de la famo.*
*Mil koroj estas unu sola koro;*
*flagradas torĉoj el nevelka flamo*
*kaj ĝojo freŝa kaj pleniluzia.*
*Ho tagoj pretaj je helec' lazura*
*por ke ne manku la strebado plia,*
*la rejuniĝ' reala, nek real' magia.*

*Se la Kongres' alvenas al la fino*
*de la de longe sopirataj tagoj,*
*ni povas laŭti, mastroj de la agoj,*
*ke forĝis ni la najlon de destino.*
*Sed la homaro surdas, mutas, blindas.*
*Ne strange, do, la nia mond' babelas.*
*Korko sur mar', ĉu scias kien celas?*
*Kiuj planadoj nur ĥaosaj indas?*

*Nin gvidas LA ESPERO kaj la stelo*
*surbruste verda, ĉiam plej amata,*
*por ke fariĝu ĉiu vojo glata*
*por paco vera sur plej rekta relo;*
*por interkompreniĝ' universala!*

*Nin gvidas LA ESPERO, paca kanto*
*de senco kaj de sento sen kvanto,*
*laŭ rezonado saĝa kaj morala:*
*la solvo plej racia –ESPERANTO!*

Gabriel MORA i ARANA